


# INTERNACIA FERVOJISTO

**2007.1**




*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

## Redaktora jarraporto 2006



Mi kaptas la okazon por, je la nomo de la IFEF-estraro, deziri al vi kaj al via familio feliĉan sukcesplenan novjaron kaj esperi multnombrajn partoprenontojn okaze de nia internacia kongreso en Parizo.

************

En 2006 nia eldonaĵo "Internacia Fervojisto" aperis kvarfoje. Ĝi konsistis el ses numeroj (du duoblaj) kun 88 paĝoj same kiel lastjare. Fakte, pro mia partopreno en la IFEF-kongreso en Ŝanhajo, en jaro 2006 la revuo aperis kvarfoje kontraŭ kvin en jaro 2005. Printempe, dum pluraj semajnoj mi estis for de mia domo dum la epoko, kiam mi kutime preparas la trian numeron. Pro tio, mi pretigis la duoblan numeron 2006. 3/4 kaj pardonpetas pro la manko por la legantoj. Mi dankas la verkantojn, kiuj, la tutan jaron, provizis al mi diversajn interesajn artikolojn por la revuo.

Por la jaro 2007 mi provos plenumi mian redaktoran taskon kaj akurate liveri la publikaĵon eĉ se, dum somere, mi translokiĝos al la urbo Nantes.

### Frontpaĝe.

Partoprenantoj de la jarkonferenco de Ĉeĥa Landa Asocio de IFEF antaŭ la stacidomo de la Ĉefa fervojstacio en Plzeň, kie la jarkonferenco okazis.

*Fotis inĝ. Jarmila Šmerhová (el FISAIC ČD).*

### Enhavo




**12-a / 19-a de majo 2007**

# Nia venonta IFEF-kongreso en Parizo

***Pri la ekskursoj***

***Montmartre: ĉiama vilaĝo***

*Dimanĉon 13/05 per trajneto ni ekskursos en ĉarma vilaĝeto nomata "Montmartre". Ĝi meritas la kelkajn jenajn klarigojn.*

Samtempe, sakrala monteto pro la romiaj temploj kaj la abatejo, ankaŭ politika monteto de la reĝo "Henriko la kvara" ribelega registraro nomata "La Commune de Paris", ĝi antaŭŝirmis



sian kulturan kaj artan identecojn. Dum la lastaj jarcentoj la Monteto "Montmartre" akceptis altvalorajn pentristojn favorigantajn la grandan evoluon en la piktura movado. Tie disvolviĝis la Impresionismo, Kubismo, Fovismo, Futurismo kaj Surrealismo.

Nuntempe, ĉiujare, la Monteto "Montmartre" akceptas pli ol 6 milionoj da vizitantoj ŝatantaj vagi sur la tipaj stratetoj de la Malnova Parizo

***Krozado sur la kanalo St Martin***

*Ĉu perboata promenado tra parizo allogas vin? Jes ! Do Lundon la 14-an de majo enŝipiĝu por duhora surboata ekskurso kun la geamikoj. Jen kelkaj sciigoj.*

De la plezurhaveno de "Paris - Arsenal" ĝis la parko "La Villette", vi travivos promenadon romantikan kaj eksterkutiman, dum ĉirkaŭ du horoj kaj duono, kaj rememoros la historion de la parizaj kvartaloj laŭflue de la kanalo.

Vi malkovros tiun kanalon, kaj ties kvietajn akvojn, rande borditan per centjaraj arboj, krucitan per elegantaj pontetoj.

Sub la mistera volbo de "La Bastille", la spektaklo-ĉefverko de la

japana artisto Kéiichi Tahara "Eĥo de lumo", naskos por vi magiajn momentojn.

Vi trafluos kvar kirliĝantajn kluzojn, du turniĝantajn pontojn; vi revivos "la etoson" de la "Norda Hotelo" kreita de Marcel Carné, Arletty kaj Louis Jouvet; vi partoprenos la plezuron de la promenantoj laŭ la bordoj vigligitaj per beletaj butikoj kaj trinkejoj malnovaj kaj ĉarmaj.

Antaŭ ol atingi la Parkon de La Villette (la Domaro de la Scioj, la Geodo, la Domaro de la Muziko, la pritemaj ĝardenoj), vi tranavigos la basenon de La Villette, antaŭe komercan havenon kaj hodiaŭ reordigitan por valorigi la Rotondon de La Villette; kaj vi daŭrigos sub la mirinda levebla ponto de Krimeo.




*Merkredon la 16-an de majo, la tuttaga ekskurso gvidos nin okcidenten de Parizo al du interesaj lokoj…*

**************

## *Versailles, la kastelo de la suno-reĝo*

Versailles estis vilaĝeto meze de la arbaro.

Ludoviko la XIII-a, la patro de Ludoviko la XIV-a, konstruigis tie, kasteleton el brikoj, ĉar li ŝatis veni en tiun lokon por ĉasi.



*La kapelo*

Tiu malgranda kastelo, beligita de Ludoviko la XIV-a, ankoraŭ nun, ĉirkaŭas la Marmoran Korton.

Por konstruigi Versailles, Ludoviko la XIV-a kunigis ĉirkaŭ si, famajn artistojn kaj arkitektojn : Le Vau (arkitekton), Le Nôtre (ĝardeniston), Le Brun (pentriston).

Versailles fariĝis la ĉefa rezidloko de Ludoviko la XIV-a en 1682.

Li reĝis de 1661 ĝis 1715.

*La horloĝo*, en la marmora korto, reguligis la tempon de la kortego-vivo. Post la morto de Ludoviko la XIV-a, ĝi neniam plu funkciis.

Versailles estis la unua reĝa kastelo, kiu posedis *trono-ĉambron*. La trono, 2,60 m-ojn alta, estis el arĝento. Ĝi

estis fandita en 1871 por pagi la militajn kostojn.

Antaŭe, la *spegulo-galerio* entenis meblojn el arĝento, sed ankaŭ ili, estis fanditaj en 1871. En la spegulo-galerio okazis grandaj festoj kaj baloj. Tie, ĉiu-matene, la korteganoj atendis la reĝon, kiu transmarŝis ĝin ĝis la kapelo.

Tra la ĉambro-fenestro, oni povas vidi la *belegan parkon*

******************

## *France-miniature*

*Viziti la tuton de Francio dum posttagmezo! Ĉu eblas? Jes! Partoprenu la tuttagan ekskurson.*

La parko "France-miniature" situas meze de la nova urbo Saint-Quentin en Yvelines, je 20 km-oj el Parizo.

Apud la pordoj de Parizo, "France-miniature" ebligas la vizitantojn admiri la replikojn de 158 historiaj



*Monto Sankta Mikaelo*

monumentoj kaj francaj pejzaĝoj, sur vastega mapo de Francio, 5 ha-ojn vasta. Tiuj maketoj tipe elvokas la francan kulturon; 60 maketistoj laboris por realigi tiujn malgrandajn ĉefverkojn, en skalo 1/30. Ekzemple, *la kastelo de Chambord*, postulis pli ol 2 800 horojn da laboro!

Plie, 5 km-oj da fervojoj, traveturitaj per miniaturitaj trajnoj,



certe mirigos la fervojistojn …

Vi ankaŭ malkovros kvar novajn vojojn laŭtemajn : "Gastronomion kaj grundon", "Francan historion", "Fabelojn kaj legendojn", "Aktualecon kaj famulojn". Vi vidos aŭtentajn provincajn vilaĝojn kaj ties loĝantojn, kolorajn bazarojn, foirajn festojn …

Kaj, ni ne forgesu la Palacon de la miniaturo, entenantan maketojn faritajn de Dan Ohlmassu. Tiu "muzeo" kuntiros vin sine de la infinitezimo ; ĝi malkovrigos al vi lokojn tre proksimajn, kiel la kutiman etoson de kvartala spicvendejo, sed ankaŭ lokojn ne atingeblajn, kiel la luksajn salonojn de la pasaĝerŝipo "France".

***Do, oferu al vi magian rondiron de Francio!***

# Pri la 18-a kongreso de PEFA

Polaj fervojistaj esperantistoj, organizitaj en Pola Esperanta Fervojista Asocio (PEFA) aranĝis de la 1-a ĝis la 3-a de septembro 2006 sian 18-an Landan Kongreson. Ĝi okazis en Entrepreno de Fervojaj Linioj (PKP) en Siedlce kun partopreno de 50 personoj el tuta Pollando; laŭ invito venis gastoj el najbaraj landoj Ĉeĥio kaj Germanio.

La solenan malfermon en "Blanka Salono" de la Urba Kultura Centro partoprenis kiel honoraj gastoj, inter aliaj la direktoro de la Entrepreno de la Fervojaj Linioj en Siedlce Andrzej Kmiecik kaj la prezidanto de la Pola Esperanto-Asocio mag. Stanisław Mandrak. Post salutvortoj de la gastoj, oni omaĝis grafikiston el Siedlce, sinjoron Mirosław Andrzejewski pro lia senpaga laboro por ilustri la Bultenon de PEFA "Verda Lumo", eldonata kvarfoje jare en kunlaboro kun SKSTiK "Kolejarz". La solenan etoson de la malfermo pliriĉigis kantado de la miksita koruso (ankaŭ en Esperanto) sub gvido de Józef Duma, prez. de EK en Siedlce.

La programo de la kongreso estis eksterordinare riĉa. Tuj post la inaŭguro, la partoprenantoj estis gviditaj tra la urbo de la turisma gvidantino–esperantistino el ZLK Siedlce Dorota Maczka por spekti kaj admiri diversajn antikvaĵojn de la urbo ĉe la rivero Liwice.

Post komuna vespermanĝo, dum laborkunsido, oni unue raportis kaj diskutis. Poste, Jindřich Tomíšek, ĉefkomitatano de IFEF prelegis pri sia partopreno en la 58-a IFK en Ŝanhajo kaj la Postkongreso en Pekino en 2006 kaj respondis multajn demandojn.

La prelego estis akompanata per projekciado de lumbildoj kaj oni povis trarigardi multajn ekspoziciitajn memoraĵojn kunportitajn el Ĉinio.

Sabaton, la 2-an de septembro ni ekskursis per moderna klimatizata aŭtobuso al Mińsk Mazowiecki, kie ni vizitis sub gvido de la Ĉefo de la Trafika Ekspluatado en Siedlce, sinjoro Roman Miszczak, modernan komputilan regejon regantan 90 km-ojn longan fervojan liniosekcion. Mińsk Mazowiecki estas grava fervojnodo en la koridoro okcidento-oriento Varsovio – Terespol. Dum modernigo de la liniosekcio inter Varsovio kaj Siedlce por rapideco ĝis 160 km, oni muntis novajn relojn kaj plene aŭtomatigis la liniosekcion kun unika transformado de elektra kurento de 110 kV al 3 kV (la unua en Pollando). Oni uzis la plej novan aparataron de la aŭtomatizada tekniko por perkomputile regi signalilojn, relkomutilojn k.t.p. kaj modernigis ankaŭ telekomunikadsistemon. Intereson ankaŭ vekis pli posta vizito de la unika aranĝaĵo "UOZ" (Besta fortimigilo) sur la linio E–20, pri kiu mi mencias aparte. En plua parto de la tuttaga ekskurso ni vizitis etnografian muzeon – skansenon en Sucha, kie poste okazis amuza programo en naturo ĉe fajro kun rostado de kolbasoj, kantado kaj amuzaj konkursoj kun premiado.

*Sekvo* ⟶

# SESFOJA RAPID-PLIGRANDIGO DE LA ĈINA FERVOJO

Venontjare okazos la sesfoja rapid-pligrandigo de la ĉina fervojo kaj ekfunkcios la nova veturhoraro de trajnoj.

Kompare kun la pasinta 5-foja rapid-pligrandigo, ĉi tiu pligrandigo naskos la plej grandan ŝanĝon. La pasaĝeraj trajnoj unuafoje veturos kun rapideco de 200 km/h.

En la kunveno pri fervojlinia reformado por pligrandigo, la ministro de la ĉinaj fervojoj, s-ro Liu Zhijun diris, ke la gravaj rezultoj, faritaj sur la Jiaoji-linio en la porpligrandiga reformado signifas, ke la ĉina fervojo posedas la teknikojn por rapid-pligrandigo al 200 km/h sur la ekzistantaj fervojlinioj kaj eniris en la vicojn de la progresigaj teknikoj en la rapid-pligrandigoj.

Laŭ freŝa informo, nuntempe fruktodone kaj sukcese iras la diversaj preparaj laboroj por la sesfoja rapid-pligrandigo en la reformado por la lokomotivoj, vagonoj kaj tiel plu.

*Wan ZUWU*

*************************************************************

Post reveno, okazis solena vespermanĝo en la Studenta klubo PH kaj amuza programo kun muziko kaj dancado ĝis noktomezo.

Dimanĉe matene en la stacidoma kapelo okazis katolika sankta meso kun legaĵoj kaj kantado en Esperanto.

Post matenmanĝo ni unue vizitis la Papan Muzeon de Johano Paŭlo la Dua en la samnoma lernejo en Siedlce, kie ni sub ĉiĉeronado de la Direktoro de la Muzeo kaj eksdirektoro de Mostostal-Siedlce Adam Klejc, ni vidis la unikan kolekton de la memoraĵoj, la ricevitajn donacojn kaj personajn objektojn de la papo.

Ankaŭ interesa estis sekva vizito de la Dioceza Muzeo kun riĉaj kolektoj de la religiaj objektoj, inter kiuj elstaras la ununura en Pollando troviĝanta, origina bildo de la hispana pentristo El Greco – Ekstazo de Sankta Francisko.

Post komuna tagmanĝo en la stacidoma restoracio en aparta salono, oni babilis kaj diskutis (ĝis forveturo hejmen per konvenaj trajnoj) pri planoj por venonta agado, kies ĉefa celo estas organizado kaj aranĝo de la jubilea 60-a kongreso de IFEF en la jaro 2008 en Pollando, probable en Poznań kaj Postkongreso en Białystok.

*Jindřich Tomíšek, ĉk de IFEF*

# Jarkonferenco de la Ĉeĥa LA de IFEF en Plzeň

La Ĉeĥa landa asocio de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF) ĉe la Landa Asocio FISAIC ČD, de la 9-a ĝis la 11-a de novembro 2006, aranĝis en la nordokcidenta ĉeĥa urbo kaj grava fervojnodo Plzeň, sian 41-an jarkonferencon. Partoprenis delegitoj kaj aliĝintaj gastoj el kunlaborantaj landaj asocioj de IFEF, el Aŭstrio kaj Hungario, (en la nomo de AFEF salutparolis ĝia vicprezidanto Martin Stuppnig, en la nomo de HFEA ĝia sekretario Inĝ. Ferenc Phersy, aliaj sendis siajn salutmesaĝojn skribe) kaj reprezentantoj de la Ĉeĥa Landa Asocio FISAIC ČD, Inĝ. Jarmila Šmerhová kaj Ph Dr. Anna Abelovská. Oni pritraktis la agadon dum la pasinta jarperiodo kaj starigis planon kaj taskojn por estonto.

Al la ĉefaj punktoj de la agado apartenas aktiva partopreno en la ĉiujaraj kongresoj, aranĝo de la du konferencoj jare por membraro, instruado kaj altigo de lingva nivelo de la membroj, prezento de fakaj prelegoj kaj ekspozicioj, partopreno en la terminologia laboro de IFEF gvidata de D-ro Heinz Hoffmann, sed ankaŭ tradukoj de gvidtekstoj por fervojaj muzeoj, resumoj aŭ subtekstoj en Esperanto al fakaj fervoj-trafikaj, filatelistaj kaj aliaj publikaĵoj, inkluzive de informartikoloj por la publiko en gazetaro, interpreto de iuj mallongaj filmoj kun fervoja temo. Ekzemple, dum la Printempa konferenco okazinta de la 9-a ĝis la 11-a de junio 2006 en la urbo kaj fervojnodo Pardubice kun partopreno de la eksterlandaj gastoj el Aŭstrio kaj Bulgario, okazis prelego pri la 58-a IFK en Ŝanhajo (Ĉinio) akompanata per ekspozicio kaj projekciado de la lumbildoj, faka ekskurso al la Muzeo de la Interkomunikada kaj Sekureca Tekniko en Hradec Králové, por kiu oni poste mendis esperantigitan modifon de la gviditinero tra la Muzeo. La reprezentantoj kaj aliĝintaj membroj de la sekcio, krome, partoprenis konferencojn kaj aliajn aranĝojn en la najbaraj landoj.



*Unu el la grupoj dum vizito de la Muzeo ŠKODA HOLDING a.k. en Plzeň*
*Fotis inĝ. Jarmila Šmerhová*

Al la programo de la jarkonferenco en Plzeň ankau apartenis la fakprelegoj je temoj "ŠKODA entrepreno en Plzeň kaj ĝia kontribuo al la fervoja trafiko" kaj "Trafiko en Plzeň regiono" (Jindřich Tomíšek) kaj "Vojaĝado al Rusio kaj Baltmaraj landoj" (Inĝ. Zdeněk Polák), faka ekskurso al la Muzeo ŠKODA HOLDING a.k. kun trarigardo de la kolektoj kaj spektado de la du fakaj filmoj. Por la partoprenantoj, kiel kutime estis preparitaj kaj transdonitaj fakaj tekstoj en Esperanto pri la konferenca urbo kaj vizititaj lokoj.

*Jindřich Tomíšek,*
*(prez.de Ĉeĥa L.A. de IFEF)*

# Ĉe aŭstriaj fervojistoj

*(Dujara Ĝenerala Kunveno de AFEF en Vieno)*

De la 6-a ĝis la 8-a de oktobro 2006 okazis en Vieno regula Ĝenerala Kunveno (okazanta ĉiun duan jaron), de la Aŭstria Fervojista Esperanto-Federacio (AFEF) kun partopreno de eksterlandaj gastoj el Ĉeĥio kaj Hungario.

Laboran parton de la Kunveno en la klubejo de AFEF (en proksimeco de la stacidomo Südbahnhof), inaŭguris la AFEF-prezidanto inĝ. Walter Huber, kiu sen interrompo jam 39 jarojn bone gvidas la landan asocion. Post la bonvenigaj vortoj, oni rememoris la forpasintajn membrojn kaj omaĝis al ilia memoro per unuminuta silento. Sekvis salutparoloj de la gastoj - en la nomo de IFEF kaj la Hungara Fervojista Esperanto-Asocio salutparolis inĝ. István Gulyás, por Ĉeĥa landa asocio de IFEF ĉe FISAIC ČD Jindřich Tomíšek. Sekvis raportoj de la AFEF-funkciuloj pri ilia agado inter la konferencoj, reelekto de la komitatanoj (ĉiuj ĝistiamaj estis reelektitaj) kaj prezento de laborplano por venonta periodo.

Sabate ni estis gvidataj de la AFEF-prezidanto inĝ. Walter Huber tra Vieno por interkonatiĝi kun kelkaj (iuj ĝis tiam nekonataj de ni) memoraĵoj kaj memorobjektoj de la ĉefurbo kaj ni vizitis la moderne gvidatan per komputiltekniko Esperantomuzeon kaj Kolekton por Planlingvoj en Palais Mollard, Herrengasse 9, sub ĉiĉeronado mem de ĝia direktoro, magistro Herbert Mayer. La muzeo kaj Kolekto por Planlingvoj estas parto de la Aŭstria Nacia Biblioteko. En la muzeo funkcias elektronika katalogo Trovanto, kun Esperanto kiel serĉlingvo. Oni povas serĉi laŭ aŭtoroj, titoloj, temoj kaj aliaj kategorioj jam pli ol 35 mil dokumentojn, spekti filmojn informantajn pri Esperanto kaj en Esperanto (sed ankaŭ en aliaj pli vaste uzataj lingvoj laŭ elekto).

Vespere post grupa vizito de la amuzparko Prater ni komune vizitis la fame konatan restoracion "Schweizerhaus" en Prater, kie ni krom gustumado de la specialaĵoj amuziĝis kaj babilis.

La 7-an de oktobro 2006 enkadre de la "Longa nokto de la muzeoj" vizitis la muzeon krom nia grupo aliaj 1655 personoj. Tiu ĉi rezulto montras kreskantan intereson pri Esperanto (malgraŭ la hegemonie preferata angla lingvo) kiel viva, neŭtrala kaj facile lernebla internacia lingvo, kiu multe pli facile kaj malplikoste povas solvi la problemojn pri multlingveco kaj multekosta tradukado en ĉiuj internaciaj organizoj kiel UNO, Unesko, Europa Komunumo kaj aliaj.

*Jindřich Tomíšek,*
*(ĉefkomitatano de IFEF)*

# Terminologia angulo

Jen mia dua kontribuo por daŭrigi la terminologian serion. Denove koncernas eltiraĵon el la komunikilo „Terminara Kuriero” 128.

Ĉifoje ni interkonsentu, kiukaze uzi la vortojn „signalo” kaj „signalilo”. Ja estas problemo, ke nacilingvoj plej ofte ne distingas tiun diferencon.

Jen la PIV-klarigoj:

**signalo 1** Interkonsentita signo, uzata por komuniki de malproksime averton, ordonon, informon.

**Signalilo** Masto aŭ alia subportaĵo, ekipita per moveblaj brakoj (diskoj) kun lanternoj aŭ per diverskoloraj elektraj lampoj por signali tage kaj nokte.

Ekster la priskribitaj signaliloj ekzistas ankaŭ aliaj iloj por signali ĉe fervojo, nome:

***a) fiksaj aparatoj***, kiuj en ŝaltita stato donas unu lumsignalon, en malŝaltita stato neniun signalon,

***b) fikseblaj tabuloj*** ks, daŭre donantaj la saman bildsignalon,

***c) permane moveblaj flagoj*** ks, por doni optikajn signalojn,

***d) aparatoj (fajfiloj ktp)*** por doni akustikajn signalojn,

***e) aparatoj por kondukisteja signalado.***




Kaze de c), d) kaj e) la iloj havas proprajn nomojn, do ne necesas nomi ilin signaliloj.

Kaze de b) la signaloj estas identaj kun la iloj. Sekve, sufiĉas nomi ilin signaloj. Iom komplika estas la kazo a). Ekzemplon montras la komplementaj signal(il)oj ĉe ĉefsignalilo aŭ antaŭsignalilo, por informi pri aranĝita itinero, permesata rapido ktp.

La adjektivo „komplementa” nenion diras pri la konkreta komuniko. Sekve, se temas nur pri aparato povanta doni signalon, ni uzu la terminon „komplementa signalilo”. Sed se ekzemple temas pri direktindiko, ni tiukaze uzu la terminon „direktindika signalo”.

*Heinz Hoffmann*
*Sekretario de*
*IFEF-Terminara Sekcio*

## Naskiĝdatreveno

La 02/09/2006 Wilhem BARNICKEL festis sian 85 jariĝon.
Pro lia granda merito, en jaro 1996 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.

**Koran dankon por lia plurjardeka rezultohava grava laboro.**

# El mondo de la fervojo

## *Konferenco en Azerbajĝano*

En la ĉefurbo de Azerbajĝano Baku okazis en la tagoj 27-a kaj 28-a de aprilo 2006 jam la 21-a Konferenco de la ĝeneraldirektoroj de la Organizo por Kunlaboro de Fervojoj (OSĴD). Estis akceptitaj decidoj por plibonigo de kvalito de la fervojaj kunligoj en rilato Eŭropo-Azio, disponoj por plibonigo de ekonomia kunlaboro kaj por likvido de la ŝuldoj inter unuopaj membrofervojoj. Laŭ la propono de la hungara delegacio, oni konfirmis en funkcio de la komitatsekretario por la periodo 2006-2008 la sinjoron Somodi.

La venonta konferenco de la ĝeneraldirektoroj OSĴD okazos en aprilo 2007 en Tbilisi.

## *Novaj fervojaj linioj en Venezuelo*

La itala konstrufirmao Impregilo SpA subskribis kontrakton en valoro tri miliardojn da eŭroj por konstrui du novajn fervojajn liniojn en Venezuelo. La unua linio San Juan de los Morros-San Fernando de Apure estos 252 km longa kaj la dua, kunliganta Chaguamaras kaj Cabrut, atingos longon 201 km. Alia fervoja linio Puerto Cabello-La Encrucijada, nun jam konstruata, estos pli poste ankoraŭ plilongigita.

En la konstrulaboroj, komencitaj en la dua kvaronjaro 2006 (finkonstruado planata en la jaro 2012), kunlaboras la firmao Astaldi SpA kaj la grupo Ghella. Al la kontrakto apartenas ankaŭ partopreno en elektrizado de la menciataj linioj kaj livero de la komunikada kaj sekuriga aranĝaĵoj kaj de la trajnveturiloj. La kompanio Impregilo SpA jam havas spertojn en konstruado de la fervojoj en Venezuelo. Inter ĝiaj jam plenumitaj konstruaĵoj oni trovas la fervojan linion Caracas-Cuá, la metroon en Caracas aŭ valbaraĵon Caruachi. La nove konstruotaj linioj grave plivastigos la fervojan reton en lando, ĉar nuntempa longo de la fervojaj linioj en Venezuelo ne superas sepcent kilometrojn.

*(Laŭ presinformo de la Impregilo SpA)*

*Preparis Jindřich Tomíšek)*

# InPaSem 2006 en Dobřichovice (Ĉeĥa Respubliko)

Ĝi okazis de la 2-a ĝis la 8-a de oktobro en Ĉeĥio, proksime de Prago, en urbo Dobřichovice. Organizis ĝin, jam la 5-an fojon, Petr Chrdle. Li loĝas en tiu urbo, situanta je 25 km-oj sud-okcidente de Prago. La urbo Dobřichovice havas ĉirkaŭ 3 000 loĝantojn. Ĝi kuŝas ĉe rivero Berounka. Apud la rivero ni povas admiri kastelon, statuon de Johano el Nepomuk kaj tilion plantitan en la jaro 1729. La urbo famas pro riĉaj vilaoj de milionuloj en kiuj instaliĝis praganoj. Ĝi estas ilia ŝatata ripozloko.

InPaSem (Internacia Paroliga Semajno) temas pri paroligaj kursoj kaj pri kurso por komencantoj. Post la lernado, ni ĉiutage kantis akompanataj de gitaro. Krom 5 ĉeĥaj partoprenantinoj, venis grupo da 22 interesuloj el Francio sub gvido de Jean Ripoche. Sabate alvenis pliaj ĉeĥaj samideanoj sperti agrablan etoson semajnfine.

Antaŭtagmezo estis dediĉita al la instruado kaj praktikado de Esperanto. Komencantojn instruis Stano Marĉek el Slovakio laŭ sia propra metodo. Ĝi montriĝis tre interesa kaj intensa. Post unu semajno, la lernantoj havis bazajn konojn pri gramatiko kaj povis interparoli kun aliaj, eĉ kun pli spertaj esperantistoj. Progresantojn paroligis Petro Chrdle kaj la kurso okazis en lia loĝejo. La plej spertajn kaj tiujn kiuj intencis trapasi elementan ekzamenon gvidis, konata pastro el Germanio, s-ro Albrecht Kronenberger.

Dum la posttagmezoj estis programitaj diversaj vizitoj al Prago. Trifoje, oni admiris la belecon de la ĉeĥa ĉefurbo. La unuan posttagmezon ni vizitis la rigardejon "Petřín", kiun la francoj komparis al la pariza Eifelturo. Surloke, ankaŭ troviĝas spegula labirinto. Tre impresa kaj alloga estis vizito al la praga kastelo "Hradčany" kaj al la konata "Ora strateto". Venceslao-placo, la granda kaj longa avenuo kiun dominas la statuo de Sankta Venceslao sur ĉevalo, tre plaĉis al la vizitantoj. Tre bela estas la Malnova urbo, kie ĉiuj admiras sonoran mekanikan horloĝon kun la 12 apostoloj sin montrantaj ĉiuhore en malgrandaj fenestretoj. Laste, ni vizitis la tombejon kaj ĉirkaŭaĵon de "Vyŝehrad". Ĉiuj vizitoj estis tre interesaj kaj kun la loka juna ĉiĉerono, Dan Mrázek, bone prezentitaj. Niaj francaj geamikoj estis ravitaj kaj aŭdiĝis voĉoj, ke Prago estas eĉ pli bela ol Parizo. Unu vesperon ni spektis en Prago en "Nigra teatro" la fabelan prezenton "Alenka v říši divů" (Alenjo en mirakla lando). Ĝi estis vere magia kaj ravis ĉiujn ĉeestantojn.

La Francoj neniam vidis ion similan. Ili aprezis tiun-ĉi spektaklon. Post interesaj vizitoj, oni kutime bone vespermanĝis en tipaj restoracioj de Prago kaj trinkis bongustan pilsenan bieron.

Merkrede, okazis vizito al ne tro malproksima burgo "Karlštejn". Ĝi estis fondita de Karlo la IV-a en la 14-a jarcento. Ni admiris ĝin




jam de malproksime kaj poste, en ĝia korto. Surloke, en la vilaĝo, ni vizitis muzeon de kripoj faritaj el diversaj materialoj. La plej malgranda eniris nuksoŝelon, alia estis farita el marcipano, papero, vitro aŭ ligno. Sekvis vizito de iama monaĥejo en  Sankta Johano sub Roko. Laŭ la legendo, tie vivis en kaverno en la 9-a jarcento, ermito Sankta Ivano. En malgranda preĝejo ni povis vidi spurojn de tiu sanktulo.

La plej kuraĝaj inter ni piediris ĝis la supro de la roko de kie estis bela vidaĵo al  vasta ĉirkaŭaĵo. La vizito finiĝis en restoracio por bongusta vespermanĝo. Revene, ni kantis en la buso.

Dum la aranĝo eblis aliĝi al la ILEI - ekzamenoj. Tion profitis tri gejunuloj el Ĉeĥio kaj tri francoj. Ĉiu partoprenanto de InPaSem ricevis diplomon pro partopreno en la kurso de Esperanto.

Unu posttagmezo estis dediĉita al libervola prezentado de amuzaĵoj far' de  la ĉeestantoj. Aŭdiĝis poemoj, skeĉoj kaj kantoj.

Ni bone ĝuis la semajnon kaj agrable interbabilis. La aranĝo plaĉis al ĉiuj kaj multaj promesis reveni venontjare.

*Liba Gabalda*

# Bestaj fortimigiloj sur la polaj fervojaj linioj

En la fervoja linio E-20 inter Mińsk Mazowiecki kaj Siedlce en arbarriĉa regiono de Pollando oni muntis kiel unua en Pollando sistemon nomatan „UOZ – Urządzenia odstraszania zwierząt“ (Aranĝaĵoj por fortimigado de la bestoj).

Temas pri speciala sekurecsistemo por kontraŭagi migradon de ĉasbestaro kiel alkoj, aproj, cervoj, kapreoloj kaj vulpoj trans fervojajn trakojn dum veturo de trajnoj kun rapideco ĝis 160 km/h. Temas pri kolonoj konstruitaj alterne dekstre kaj maldekstre laŭlonge de la linio.

Ĉirkaŭ unu minuto antaŭ traveturanta trajno la aranĝaĵo disaŭdigas teruregajn akustikajn signalojn kiel bojadon de ĉasantaj hundoj, blekadon de ĉevaloj, agoniantan stertoradon de la vunditaj aproj kaj la tuto finiĝas per motivoj de la antaŭmorta blekado de la bestoj. La aranĝaĵo do eluzas ekzistantan ĉe la bestaro instinkton de programita genetika timego, kiu celas averti kaj fortimigi la bestojn antaŭ la minacanta danĝero, por ke ili povu forkuri el la trakoj. La distanco de efika ago de la aparato estas pli ol 70 metroj.



*Kolono de la Besta fortimigilo apud la fervoja linio E-20 inter Siedlce kaj Mińsk Mazowiecki.*

La ekipaĵo estis sukcese ekzamenitaj kiel plej taŭgaj por fortimigi la bestaron kaj ili sekve estos muntataj en aliaj fervojaj linioj en Pollando kaj espereble ankaŭ en aliaj landoj. Ili ja estas malplikostaj ol trapasejoj super aŭ sub la trakoj en lokoj kun migradvojoj de la bestaro. Tion, informis nin la ĉiĉeronanta estro de la Ekspluatada Sekcio de ZLK en Siedlce sinjoro Roman Miszak, depost la naŭ monatoj post la instalo de la sekurecaranĝaĵo, okazis neniu besto-akcidento.

*Jindřich Tomíšek*

# Inaŭguro de Esperantomonumento en Linz

Mardon la 3-an de oktobro 2006, solena inaŭguro de la moderna Esperanto-monumento okazis en Linz (Supra Aŭstrio), ĉar la antaŭa monumento inaŭgurita en la jaro 1965 devis cedi al novkonstruo (krom alia) de nova moderna stacidomo de la Ĉefa Fervoja Stacio en Linz. La moderne konstruita nova monumento fare de Magistro Helmut Egger el Pauerbach (kiu persone partoprenis la inaŭguron) estas 3 metrojn alta kaj lokigita maldekstre de la ĉefa alirvojo al la stacidomo, ĝi do estas bone videbla de la ĉiutage preterpasantaj, kelkmiloj da homoj.

La solenan inaŭguron mardon, la 3-an de oktobro 2006 partoprenis kelkaj oficialaj gastoj, reprezentantoj de la urbo Linz, E-organizoj kaj kelkdek esperantistoj el Aŭstrio kaj najbaraj landoj Ĉeĥio kaj Italio. La inaŭguron tre simpatie enkondukis la vicurbestro de Linz, kultura estro d-ro Erich Watzl. Li komencis per la vorto "SALUTON" kaj mallonge priskribis, kiel li – nove bakita en la laboro de kultura respondeculo – tuj devis okupiĝi pri la preskaŭ jam 40 jarojn ekzistanta monumento pro la novkonstruo de la stacidomo forigita kaj detruita.

La urbestro d-ro Franz Dobuschi ankaŭ esprimis sian nekomprenon, ke la E-monumento malaperis.

Doktoro Romano Bolognesi, la prezidanto de IFEF skizis la historion de Esperanto kaj la E-monumento en Linz. Poste, la urbestro inaŭguris solene la monumenton.

Por la Esperanto-asocio en Linz, s-ino Greta Gössl esprimis la dankon pro la novkonstruo fare de la artisto, magistro Helmut Egger kaj ankaŭ menciis la meritojn de la iama estro



*Prezidanto de IFEF d-ro Romano Bolognesi dum la solena parolado antaŭ la0 inaŭguro de la E-monumento en Linz.*

de la ĉefsekcio en Linz, Johano Geroldinger pri la konstruo de la unua monumento en la jaro 1965. La solenaĵon oni finis per la Esperanta himno en prezento de la solene vestitaj lokaj muzikistoj.

### *Salutvortoj de la IFEF-prezidanto d-ro Romano Bolognesi*

*Tre estimataj honoraj reprezentantoj de la urbo, de la diversaj interesitaj instancoj, organizantoj, amikoj kaj kolegoj, kun plenĝojo mi portas*

*salutojn miajn personajn, de la Itala Fervojista Esperanto-Asocio, de mia landa FISAIC-sekcio (nome Dopolavoro Ferroviario) kaj de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF).*

*Mi tre volonte akceptis partopreni en ĉi tiu ceremonio, ĉar nia aŭstra faka kategorio ĉiam plurmaniere gravis kaj tre grave rolis ankaŭ por la starigo kaj restarigo de ĉi tiu monumento, tre kara al la tutmonda fervojistaro pro ĝiaj signifoj de kunlaboro kaj amikeco, strebe al pli interkompreniĝa, plenpaca mondo.*

*Praktike de ĉiam la aŭstraj fervojistaj esperantistoj montriĝis fervoraj al tiu celo, esprimante iniziatemon kaj labor-kapablon. Laŭeble multaj el ili jam agadis dum la unua duono de la 20a jarcento kaj dank´ al ili depost la*



*Solena malkovro de Esperanto-monumento en Linz, maldekstre la IFEF-prezidanto d-ro Romano Bolognesi, dekstre la urbestro de Linz d-ro Franz Dobusch*

*2a mondmilito okazis enlande kvar internaciaj fervojistaj kongresoj (Salzburg 1950, Linz 1959, Villach 1975, Krems 1994), plus unu kunlabore kun la najbaraj hungaroj (Sopron 2004).*

*Intertempe organiziĝis sennombraj fakaj, kulturaj, distraj kaj sportaj manifestacioj, inaŭguriĝis diversaj pacobjektoj, kiel Esperanto-strato en Knittelfeld (1957), ZAMENHOF-monumento en Vieno (1958), Esperanto-strato ĝuste en Linz (1958) kaj ĉi tiu moderna, arta Esperanto-monumento (10.07.1965).*

*(Tiu lasta ĉefe dank´ al kolego Johann GEROLDINGER, kiu cetere en 1963 estis kun-iniciatinto de la IFEF-skisemajnoj kaj en 1966, pri sia poresperanta laboro, estis honorigita de Respubliko Aŭstrio per distingo "Arĝenta Meritinsigno“).*

*Oni aldonu, ke en 1986 la lokaj esperantistoj estis distingitaj per "Humaneca Medalo“ fare de la urbo Linz/Danubo mem.*

*Fakte, kaj vermerite, en la mondo, ĉiam plu kreskas la oficialaj konkretaj kaj idealaj signoj honore al Esperanto kaj al ties kreinto, kiel ĝuste estas publikaj monumentoj, stratnomumoj, k.s. inter kiuj troviĝas ĉi tiu koncernaĵo. Ili jam nombriĝas ĉirkaŭ je 1500.*

*Hodiaŭ, per ĉi tiu inaŭguro, ni kune redonas novan vivecon al ĝiaj artaj materialoj, sed, ĉefe, ni prodigas novan elanon al la idealoj de la libere utiligebla, servopreta, tutmonda lingvo Esperanto, vere genia vivanta monumento, kies praktika uzado sendube montras ties taŭgecon*

# Plenplena trajno

Ĉu sur la aldonita foto estas fervojistaj esperantistoj, trejnantaj komunan forveturon al la 59-a IFEF-Kongreso en Parizo? Certe ne, la dokumenta foto de la agentejo Reuters nur dokumentas, ke Islamanoj en la tuta mondo, lundon, la 23-an de oktobro 2006 komencis soleni la unuan tagon de la islamana festo Aid-al-Fitr, kiu anoncas la finon de la fasta monato Ramadano. "Fitr" signifas ĉesigon de la festo.

Dum la festotagoj, tipa islamano vekiĝas tre frue kaj foriras en la moskeon por preĝi la tiucele destinitajn preĝojn. Sekvas vigla festado kunligita kun vizito de konatuloj kaj amikoj kaj komunaj amuzadoj. Al unu tia amuzado direktiĝas la plenplena pasaĝertrajno en la bangladeŝa urbo Tongi, senpere antaŭ la ekveturo. La koncerna fervoja linio bonŝance ankoraŭ ne estas elektrizita.



Mi tamen kun danko akceptos ĉiun informon de la legantaro por ekkontakti fervojistajn esperantistojn en la islamanaj landoj, por ke nia Federacio eniru ankaŭ tiun ĉi (por ni iomete misteran) islamanan parton de la mondo.

*Jindřich Tomíšek, ĉefkomitatano de IFEF*

&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&

*plenumi ĉiujn promesitajn atendojn.*

*Mi tre kore dankas al ĉiuj, kiuj klopodis kaj helpis por tiu ĉi realigado. Ankaŭ per tio montriĝas homamo kaj packonstruemo, kiuj neniam estos vanaj.*

*Ke la monumento vivu eterne! Kiel senfine vivos per la lingvo Esperanto la grandanimaj humanecaj pensoj de ĝia iniciatinto, d-ro Ludoviko Lazaro ZAMENHOF, jam plenmerite nomumita de „UNESKO“ en 1959 " bonfaranto de la homaro".*

*Raportis Jindřich Tomíšek,*

# *Bretonaj fabeloj*
# *Libreto verkita de Jean-Pierre Ducloyer*


*J-P Ducloyer*

Kiel vi verŝajne scias, Bretonio estas plena je legendoj kaj rakontoj. Kiu neniam aŭdis pri la sorĉisto Merlino kaj la feino Viviana?

Ĉar Esperanto celas, interalie, diskonigi regionajn kulturojn, mi ekpensis, ke multaj esperantistoj tra la mondo, eĉ en Francio, ŝatus scii iom pli pri la abunda fabelaro de mia regiono. Pro tio mi decidis verki serion da libretoj pri tiu temo. En tiu unua libreto, en kiu troveblas legendoj kaj fabeloj nur el mia broceljanda lando, la plej orienta parto de Bretonio, vi povos malkovri, kiel Merlino sinoferis pro amo al la feino Viviana, kiel anasino plenumis en Montfort, mia urbeto, la promeson de malfeliĉa junulino, kiel...
Ĉu vi deziras legi etan eltiraĵon? Do jen:




*„Uter mortis sen konata heredanto. Tiam la klanĉefoj kunvenis por elekti reĝon sed Merlino konsilis atendi ĝis la vintra solstico. Tiun tagon, grandaj mirindaĵoj okazas: la animoj de la mortintoj paŝas kantante laŭ la vojoj, bestoj parolas kiel homoj, kaj menhiroj iras por trinki en riveroj. Ĉi-jare grava mirindaĵo efektiviĝis: sur la vilaĝa placo ĝis nun malplena, aperis subite granda ŝtonamaso kun amboso sur la supro. En tiu amboso estis pinte enfiksita spado kun ora pomelo. Piede de la ŝtonamaso legeblis la skribaĵo: „Kiu eltiros la spadon Eskalibur' el la amboso, tiu estos la reĝo".*

**Prezo de la libreto:**
po 5€; po 4 € por aĉeto de10 ekzempleroj kaj pli (+ sendokosto).

*Interesuloj, bonvolu sin turni al :*
Jean-Pierre Ducloyer, 7 rue de la Fée Viviane - FR 35160 MONTFORT
Telnumero: +332 99 09 71 92 Retadreso: jeanpierre-ducloyer@club-internet.fr

&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&

## Iom por ridi




**Ĉe la benzinstacio ekhaltas aŭto de la porŝofora lernejo. Venas la pumpisto kaj diras al la virino ĉe la stirrado:**
**- Mi petas, malfunkciigu la motoron, dum mi pumpos al vi benzinon...**
**- Ja la motoro estas nefunkcianta.**
**- Ne diru, ĉiu povas vidi, ke la tuta aŭto tremas.**
**- Tion kaŭzas ne la motoro, sed tremas mia instruanto.**

## Honorigitoj

Kiam IFEF distingas membron per honora membreco,aŭ per FISAIC-medalo, ni pri-skribas tion en IF. Sed kiu memoras ĉiujn ricevintojn ! Tial ni jam publikigas liston de nun vivantaj honoraj prezidantoj kaj membroj, honorigitoj per FISAIC-medalo kaj membroj de la Honora « Patrona Komitato de IFEF ».

| | | | Jaro |
|---|---|---|---|
| **Honora Prezidanto** | | | |
| Engen Per | Norvegio | | 1998 |
| **Honoraj Membroj** | | | |
| Kruse Elfriede | Germanio | | 1980 |
| Engen Per | Norvegio | | 1988 |
| Olsen Henning | Danlando | | 1995 |
| Barnickel Willem | Germanio | | 1996 |
| De Sutter Lucien | Belgio | | 1997 |
| Sredić Gvozden | Jugoslavio | | 1997 |
| Rösemann Otto | Germanio | | 1999 |
| Patay János | Hungario | | 2000 |
| Glättli Ernst | Svisio | | 2001 |
| Hartig Heinz-Dieter | Germanio | | 2001 |
| Eggenberger Gertrud | Svisio | | 2004 |
| Schindler Heinz | Germanio | | 2005 |
| **Honora membro de FISAIC** | | | |
| De Sutter Lucien | Belgio | | 1998 |
| **Honorigitoj per FISAIC-medalo speciala** | | | |
| Geroldinger Johann | Aŭstrio | ora | 1967 |
| Blauw Thies | Aŭstrio | arĝenta | 1967 |
| Hunkeler Hans | Svislando | bronza | 1967 |
| Kruse Elfriede | Germanio | ora | 1975 |
| Sredić Gvozden | Jugoslavio | ora | 1986 |
| Hartig Heinz-Dieter | Germanio | ora | 1988 |
| Robiolle Pierre | Francio | ora | 1994 |
| Engen Per | Norvegio | ora | 1998 |
| **Honora Patrona Komitato de IFEF** | | | |
| Ceci Pasquale | Italio | Direktoro de Dopolavoro Ferroviaro, Bologna | 1970 |
| D-rino Boulton Majorie | Britio | Universitato Oxford | 1977 |
| Inĝ Rodak Aleksander | Pollando | Ĉefdirektoro de la fervoja direkcio de Katowice | 1987 |
| Inĝ Vojtěch Zelenka | Ĉeĥio | Direktoro de la fervoja direkcio en Ĉeĥio | 2003 |



**INTERNACIA FERVOJISTO**
*59-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"kozsu13@freemail.hu"

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktoro**: Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72230 Arnage - France
Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39
"jeanripoche@wanadoo.fr"

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
"niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
"Hoffmann-IFEF@t-online.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovář
"ladislav.kovar@worldonline.cz "



## Programo 2007 de la Kulturdomo de Esperanto Kastelo Grezijono / Château de Grésillon FR– 49150 BAUGE

Telnumero : + 332 41 89 10 34 (kun respondilo)
Retejo : http://gresillon.org
Retadreso : kastelo@gresillon.org

La senprofita asocio "Kulturdomo de Esperanto" fondita en 1951 (simpla konforto) proponas diversajn semajnajn staĝojn en 2007.

**Ĝi ĉiujare proponas:**

- kursojn diversgradajn,
- prelegojn diverstemajn,
- distraĵojn diversspecajn,
- ekskursojn en belega regiono.

**Ĝi disponigas al la staĝanoj:**

- kurso-ĉambrojn, salonojn,
- ampleksan bibliotekon,
- libroservon,
- butikon kaj trinkejon
- sportejojn (tenistabloj, flugpilkejo, 2 migradpadoj…).

**Interesuloj, bonvolu informiĝi ĉe la retejo aŭ per skribo al la supra adreso.**

***Fervoja Koresponda Servo***
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, B1 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: esperdragos@yahoo.com
*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*